XXVI-a Jaro. — N° 361 (9). Monata Septembro 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: La Lingva Somero, Edmond Privat (129). — 22a Universala Kongreso de Esperanto, babila antaŭraporto (130). — Naciaj Kongresoj (135). — Tra la libraro (136). — Lingvaj studoj (138). — Internacia Polica Ligo, oficiala Informilo (138). — Turismo (139). — En kelkaj linioj (139). — Detruo de marbirdoj (140). — Esperantista vivo (140). — Niaj Mortintoj (140). — Korespondado (141). — Petoj kaj proponoj (142). — Reklamoj (143). — Aldono: Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo, N-ro 38.

## La Lingva Somero

Finiĝas eŭropa somero. Spite malfavora vetero, la ŝipoj kaj fervojoj transportis milionojn da homoj de nordo al sudo, de sudo al nordo, de okcidento al oriento kaj reen. La statistikoj montros la gigantecon de tiuj homaj migradoj provizoraj.

La ripozon oni serĉas en ŝanĝo kaj ne nur riĉuloj nuntempe vojaĝas. Nun ankaŭ oficistoj kaj laboristoj eksukcesas atingi tiun rajton kaj eblecon. La ciferoj pruvas la pligrandigon de la trafiko en tria klaso.

La polvo sur la stratoj atestas pri la kresko de l'aŭtomobila vojaĝado. Krom la luksaj veturiloj, kuras motorbicikloj kaj eĉ ordinaraj bicikloj amase. Kiuj pli ŝatas la freŝan aeron kaj al risko de stratbuĉado preferas la riskon de malvarma bano, tiuj uzas nun la novajn faldboatojn kaj remas de lagoj al riveroj, de riveroj al maro.

Ankaŭ la hotela loĝado ne plu sufiĉas. Tro kara ĝi estas. Multaj kunportas tendon kaj kuiras mem sur alkohola lampo. Ankaŭ multiĝis la junular-dormejoj kun pajlo kaj sakoj.

Al miloj da gejunuloj plaĉas pli kaj pli la sporto kaj pejzaĝo ol la komforto kaj manĝado. Pano, supo, fruktoj kontentigas ilin kaj ebligas antaŭe neeblajn vojaĝojn. Pri tiu demokratigo de l'turismo ni sincere ĝoju.

Estas ja bone ke la popoloj ekkonatiĝu rekte per la somera migrado de siaj junularoj. Sed kiel funkcias la tuta afero lingve ? Regas vasta babela malordo kaj balbutado de lernitaj frazoj en la ĉefaj fremdlingvoj. Estas la triumfo de l'hotelpordista dialekto.

Ne parolu al mi pri la « literatura sento en fremda lingvo » aŭ « penetro en la animon de ceteraj popoloj », kiam temas pri mendo de trinkaĵo, aĉeto de bileto kaj fuŝdemando pri la vojo aŭ vetero. Al oreloj de literaturisto povas nur mordi malagrable tiu primitiva vundado de belaj lingvoj.

Por sia praktika urĝa celo ĝi apenaŭ sufiĉas. Por vera kontakto kun alia popolo, ĝi estas absolute nesufiĉa. Veraj interparoloj kun enlandanoj, profundaj amikiĝoj per interesa interŝanĝo de spertoj aŭ ideoj, jen kio mankas plej ofte.

Sed jam parto de la moderna junularo trovis la eblecon eliri el tiu malfacilaĵo. Inter la someraj gemigrantoj troviĝas jam multaj, kiuj lernis Esperanton kaj uzas ĝin. Ĉar la lingvo estas facila kaj simpla, ĉar ili ne ĉiam sentas sin ĝenataj per timo pri eraroj kaj embaraso pri verboj aŭ artikoloj, tiuj esperantistaj turistoj povas esprimi sian penson libere. Armitaj per sia UEA Jarlibro ili scias, kie renkonti enlandanojn konantajn la lingvon. Almenaŭ ili spertas liberan kontakton kaj pli profundan eblecon de interamikiĝo.

Dum la vasta migranta mondo de l'turismo zumadis en Eŭropo per siaj hakitaj frazetoj, limigitaj al plej prozaj aferetoj, granda kongreso kunigis en Oxford milon da feliĉaj homoj, kapablaj babili tute libere kaj senĝene inter si pri ĉiaj temoj en la jam riĉiĝinta Esperanto.

Estas ofta kutimo de intelektuloj allasi al Esperanto nur praktikan malaltan kampon kaj laŭdi la spiritan valoron de fremdlingva interparolo. Fakte la situacio estas tute alia. Tiu fama uzado de fremdlingvoj en 999 okazoj el mil estas vera malsufiĉaĵo kaj oni miru, ke intelektuloj povas kontentiĝi pri tiel primitiva fuŝaĵo.

Dume simple konstruita lingvo kiel Esperanto, nun polurita per duoncentjara kreskado, donas al ĝiaj uzantoj veran kontentigon de pli altaj kaj profundaj bezonoj, tian, kian oni ricevas nur per fremda lingvo funde konata kaj absolute senĝene uzata. La faktoj devigas renversi juĝojn kaj antaŭjuĝojn.

Edmond Privat.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO OXFORD 1930

## Babila antaŭraporto

**Stacidomoj Victoria kaj Paddington.**

Fine mi alvenis la stacidomon Viktoria. Ankaŭ multaj aliaj samideanoj el pluraj landoj. Kaj tiam ni tuj konatiĝis kun anglaj Esperantistoj; kelkaj troviĝis sur la kajo, portante sur la brako rubandon verdstelan. Oni gvidis nin al la hotelo, kaj survoje estis eble rigardi Londonon. Multa bruado, multege da veturiloj, imponaj policanoj direktantaj la veturilamasojn, ĉiuj estis videblaj! Ŝajnas, ke speciale je nia honoro forestas la nebulo, la fama angla nebulo! Kaj tamen, anglaj samideanoj poste diris al mi, ke tiu ĉiama nebulo ekzistas nur en sia imago, ke efektive la nebulo estas nur kelkfoja kaj vintra vizitanto. Jen kia granda malavantaĝo, kiam pere de Esperanto oni vojaĝas, kontaktas kun aliaj homoj, kaj perdas siajn plej amatajn kredojn. Kelkaj el ni rigardis ne nur Londonon, sed ankaŭ la Londonaninojn, kaj vidis, ke la fraŭlinoj estas tre belaj. Jen alia sincera kredo nia estas refutata! Kompreneble, ni en aliaj landoj malofte vidas la belajn junajn fraŭlinojn el Anglujo, sed nur tiujn, kiuj ekiris sufiĉan monon kaj multajn jarojn, por ke la vojaĝado en fremdaj landoj estu oportuna kaj konvena.



KUNVENO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

Efektive, tiom da kredoj oni devas forlasi dum la vojaĝado, ke tio povas esti eĉ danĝere. Kaj tamen, jen oni estas en Londono, kaj ne valoras penti.

Tre laca, ni endormiĝis. Se ni scius, kio atendas nin en la kongresurbo rilate al frua endormiĝo, ni eble restus ekster la lito por amuziĝi en iu kabaredo. Sed ni ne sciis, kaj ni endormiĝis jam frue. Oni ronkis tio estas, kelkaj ronkis, tre lace. En kiu lingvo tion mi ne diros al vi.

Proksiman matenon temis pri Paddington. Paddington, jen kiel nomiĝas la stacidomo el kiu oni devas ekiri al Oxford. Finfine oni atingis ĝin. Kiam oni devas fari vojaĝon en Londono, tio estas jam granda afero — tiu urbo estas ja vilaĝego, kredu min, kaj la subfervojo estas reto plej komplika, kaj estas tiom da omnibuslinioj, kaj la tramoj estas tiom multaj, kiom altaj.

Finfine, ni sukcesis ne nur trovi Paddington, sed ankaŭ la ĝustan vagonaron. Neniam mi supozis, ke tia granda amaso vojaĝos al Oxford. Poste oni klarigis, ke ĉar la unua lundo en Aŭgusto estas por britoj ĉiam publika ferio, en tiu semajno kutime forvojaĝas multaj homoj. Inter ili la samideanoj preskaŭ perdiĝis; tamen ne tute, ĉar la fervoja kompanio afable disponigis al ni rezervitajn vagonojn markitajn per verdaj steloj.

Vojaĝo de iom pli ol unu horo, kaj jen la stacidomo de Oxford.

**Oxford.**

En Oxford, jen oni vidas kontraston. Londono timigis nin, sed Oxford, tiom malgranda kompare kun aliaj kongresurboj. allogis nin per kvazaŭ koketa ĉarmo. Oxford malsaĝas en unu afero, ke ĝi prezentas unue sian nebelan flankon. Apud la stacidomo ja mankas ĉia beleco, oni devas iom penetri en la urbon por trovi ĝiajn ravajn bildojn. Aŭ ĉu ĝi ne malsaĝas, nur ruzas? Mi ne diru ion pri tio. Oxford estas ĉarmulino, kies severa virtemo fortimigas de ĝi ajn klaĉemado pri ŝi.

La kolegioj estas plejparte tre malnovaj, kaj nestas en mallarĝaj stratoj, tiel ke oni devas kvazaŭ sencele vagi, por subite trovi antaŭ si iun ravan bildon el mezepoko. Escepto inter la kolegioj estas Magdalen, kies alta kvadra turo formas rimarkindan bildon apud la ponto. Ponteto, mi diru; efektive, ambaŭ riveretoj de Oxford estas tre malgrandaj, kvankam sur tiu nomita Isis, kiun en sia Londona kaj larĝa parto oni nomas Tamizo, estas eble promeni tre agrable en malgranda boato.

### Al la loĝejo.

Alveninte en Oxford, ni serĉis unue la loĝejojn. Plejparte la kongresanoj loĝis en privataj domoj, ĉar hoteloj estas maloftaj en Oxford. Tre komfortaj privataj domoj, kie loĝas dum la trimestroj la kolegiaj studentoj. Ambaŭ hoteloj — ne, pardonu, vere ekzistas pli ol du hoteloj en Oxford, eĉ unu amiko pretendis, ke li nombris ses; ni diru, ĉiuj hoteloj — estas karaj, kaj luinte ĉambron kun matenmanĝo oni ne havas monon por pluaj manĝoj, nek por veturelspezoj. Kaj tamen tio ne gravas. En tiu ĉi kongreso ne necesis tiuj veturoj de unu loko al alia, kiuj lacigis nin en Antverpeno kaj Budapest. De tiu kaj de aliaj vidpunktoj oni povus nomi la 22 an la « Ripoza Kongreso ».

Pri aliaj matenmanĝoj, vere oni apenaŭ sentis bezonon. Certe la famo pri ampleksa angla matenmanĝo ne estas troigita. En mia hotelo, kies konstruaĵo datumis de la dekunua jarcento, kies servistoj povus esti venintaj kun Noa el la Biblia arkeo, kies prezoj tamen estis modernigitaj al la poŝoj de usonaj milionuloj, en mia hotelo la ovoj kaj fritita̧j ŝinktranĉaĵoj kiuj sekvis la avenkaĉon, ilin vere ne povis enteni telero sufiĉe granda. Oni flustris al mi, ke en privata loĝejo la bonvola dommastrino superstaris tro baldaŭ satiĝintan kongresanon, kaj devigis lin manĝi ĝis preskaŭa eksplodiĝo!

Certe la restoracioj devus kulpigi la anglajn matenmanĝmorojn, se ili volus plendi pri nesufiĉa vizitado flanke de la alilandaj kongresanoj.

### Urbestra gastigo.

Cetere, multaj spertuloj venis antaŭ la unua matenmanĝo en Oxford, nome la oficialaj kunvenoj kaj la urbestra gastigo. Pri la oficialaj kunvenoj mi bedaŭrinde ne povas raporti. Dezirante iom paroli pri ili, mi rapidis al la urbdomo iom post la dua, kolektis la dokumentojn, kaj iris apud la pordo de la sankta ĉambro kie kunvenas la gvidantoj de nia movado. Mi penis, eĉ « strebis », laŭ la vorto de niaj germanaj amikoj, aspekti kiel Ĝenerala Estrarano, sed ŝajne sensukcese. Preterpasis min bonaj amikoj, Kreuz, Pastro Ĉe, S-ino Isbrücker, Doktoro Vogt (ankoraŭ sana spite sian luktadon kontraŭ la klopodo de iu angla samideano, alkutimigi lin al la angla avenbiero) la gaja tenanto de la kongresa kaso, nia belgbrita amiko Blaise, nia bonhumora prezidanto de I.C.K. S-ro Merchant, kaj multaj aliaj. Ĉiuj amike manpremis min, sed neniu diris, « Ĉu vi ne envenas? », el kio mi konkludas, ke mi ne povas ŝajnigi min eminenta esperantisto, spite tio, ke mi — tamen mi ne rakontu miajn artifikojn kaj ruzojn. Eble ili pli bone efikos en Krakovo proksiman jaron, kaj tiam mi raportos pri kunvenoj de niaj eminentuloj. Ĝis tiam mi restu simpla, apenaŭ konata esperantisto.

Mi lasis la eminentulojn eminenti en sia kunveno, kaj vagis en la akceptejon. Tie jam amaso de samideanoj. Oni jam skribas poŝtkartojn, eĉ oni diris, ke nia fama ĝenova amiko jam plenigis la poŝtkeston dufoje, tiel sveniginte du poŝtoficistojn kaj eluzinta la specialan kongresstampilon, tiel ke dum la semajnoj niaj leteroj portos stampaĵon nelegeblan. Oni minacas lin per malpermeso dum du venontaj kongresoj rilate al skribado de ilustritaj poŝtkartoj.

Pri bruado oni prefere ne memoru. Ĝi estis tia, kian nur aro da esperantistoj kapablas fari. Mi sukcesis aŭdi iun amikon, kiu demandis, ĉu mi temanĝos. Mi rikanis lin. Ĉu la urbestro ne promesis gastigi nin, kial mi malŝparu monon je temanĝo? Mi efektive reiris al la hotelo, iom dormis, kaj revenis preta al la atako kontraŭ la urba gastigado.

Granda salono, plenplena, ĉiuj babilas, subite ĉiuj silentas, stariĝas. De la pordo al la estrado marŝas oficisto portanta grandan oran bastonon, bastonegon, malantaŭ li sinjoro kaj sinjorino, kiuj manpremis nin kiam ni venis en la halon. Jen li komencas paroli, en angla lingvo, oni komprenas, ke li salutas nin per ĝentilaj vortoj. Eĉ li diras kelkajn vortojn en Esperanto. Poste la prezidanto de la kongreso, S-ro Long, legas tradukon de liaj vortoj. Tre afable li bonvenigis nin, ŝajne, ankaŭ la sinjorino-konsilantino, kaj tamen la materia gastigado ne jam aperis.

Sed baldaŭ mi trovas, kiom mi eraras. Ĝi ja aperis, de la komenco de la kunveno oni povis rigardi ĝin, kuŝantan sur budo laŭlonge de la salono — ĉe la alia flanko. La flanko, kie mi ne estas. Vere, ke neniam mi havas ŝancon en niaj kongresoj. Kaj tamen mi ne estis la lasta ĉe la budo. Post kiam la mil kaj kelkaj kongresanoj puŝe, ŝove kaj preme akiris siajn justajn porciojn, mi staris trinkis kafon tiom bonan, kiom mi trovis en multaj landoj, kaj aŭskultis la plendon de hungara samideano, ke li ne povas ricevi ankaŭ la glason da akvo, kiun ĉe li oni ĉiam servas kun kafo. La afablaj kelnerinoj proponis al li limonadon, kukojn, kaj plej bongustajn glaciaĵojn, sed vane; li insistis pri kafo, ĝis venis angla samideano, kiu interpretis sukcese lian deziron. Tiam li ridetis, trinkis, aspektis tiom kontenta pri la vespero, kiom ni aliaj.

### La nokta vivo en Oxford.

Do, je proksimume la dekunua horo, ni pretiĝis al la vera komenco de la kongreso, al la babiladoj sub lumoj, kun muziko, helpe de biero kaj kafo. Ni eliris al la kafejoj.

« Do, ĝis morgaŭ », diris kelkaj anglaj samideanoj, ĉe la ĉefstrata krucvojo, Carfax. Iu demandis pri kafejoj. « Kafejoj », oni diris al ni, « estas dubinde ĉu vi trovos kafejojn en tiu ĉi horo. Kompreneble, jam de la deka oni plu ne povas trinki bieron kaj alkoholaĵojn, — ĉu eble ankoraŭ troviĝas iu loko... » — la voĉoj malfortiĝis ĝis flustreto, laŭ maniero kompreniganta ke la eblecoj ne estas grandaj. Oni etendis denove la manojn.

Nur niaj junaj kaj literaturemaj amikoj Sturmer kaj Newell ŝajnis iom pli entreprenemaj, demandis preterpasantojn kaj policanojn, ĉu povas esti, ke je la dekunua horo estas eble trinki kafon en Oxford.

Jes, estas eble, ĉar kvankam la sesdek mil loĝantoj verŝajne enlitiĝas tre frue, tamen por kelkaj ekzistas unu kafbudo servanta eventualajn diboĉulojn. Ĝi troviĝis en malgranda korto, en kiu oni devas stari, ĉar mankas seĝoj. Ĝia kafo — nu, oni diru, ke ĝi ne estas de urbestra kvalito. Tamen, ĝi estas trinkebla kaj varma, kaj dum ĉiuj noktoj de la kongresa semajno venis al ĝi grupetoj da samideanoj, kiuj babiladis, tenante tasojn, manĝante kuketojn, kaj ĝojante, ke, rilate al la vivo post la dekunua horo, ili ne devas ĉiam loĝi en angla provinca urbo.

Jen la klarigo pri la alta prezo en la hoteloj — grandan privilegion oni havas. Hazarde mi eltrovis ĝin, kiam mi mendis, forgeseme, je kvarono post la dekunua, bierojn por mi kaj S-ro Jung, nia estimata gvidanto de « Heroldo de Esperanto ». Mi hontis dum unu momento. Jen mi malkaŝas al la servisto, kiom ni el aliaj landoj estas diboĉemaj, postulante bieron en tiu horo!

Necese mi hontis, tuj ĝi venis. Jen bonega afero! Proksiman tagon mi iĝis tre populara, invitante ĉiujn amikojn al hotelo, kie tiel oni povas diboĉi. Eĉ mi ne kredis, ke mi havas tiom da amikoj en la movado! Tiun vesperon amasiĝis antaŭ la pordo de mia hotelo aro inter kiuj troviĝis — sed mi ne malkaŝu kiaj eminentuloj venis; mi povus kredi min en nova kunveno de Ĝenerala Estraro.

Cetere, ili venis vane. La angla leĝo diras, ke nur la efektivaj loĝantoj de la hotelo darfas trinki bieron post la deka. Terure. Mi devis plej humile pardonpeti al la amaso.

Post tio, mi apenaŭ povis kredi, ke mi havas tiom da malamikoj en la movado.

**La diservoj.**

Do, tiun nokton post la urbestra gastigo ni frue, kvazaŭ pie enlitiĝis, kaj dimanĉon leviĝis en bona tempo por la diservoj. En la protestanta diservo, en malnova Universitata preĝejo de S-ta Mario la Virgulino, predikis pastro Doktoro T. Graham Bailey, kiu ankaŭ jam en Edinburgo predikis, ĉe la 18a en 1926. Plenplena preĝejo, regas solena spirito.

Same solene kaj plene estis en la katolika diservo, kie predikis irlandano, pastro Gaffney.

**Fotografiĝo.**

Tagmeze la fotografiĝo. Same okazis, kiel ĉe ĉiuj kongresaj fotografiĝoj, kelkaj samideanoj venis tre frue, kaj plendis ke oni ne komencas la aferon, aliaj alkuras en lasta momento, kiam oni pretiĝas al aranĝo de sia vizaĝo al taŭga pozo, kaj plendas, ke oni ne prokrastas.

Ankaŭ oni fotografas tiujn, kiuj ĉeestis en 1907 en Cambridge. Ankaŭ oni fotografis la L.K.K. Tio tamen ne sukcesis, ĉar ĉiuj kune ridetis en la sama momento, kiam oni fotografis, kaj tiom da simpatia beleco la ilo ne povis elteni. Do, zorge konservu iliajn portretojn en la kongreslibro.

Posttagmeze kunsido de Konstanta Reprzentantaro. Mi ne esperis, ke mi pli facile povus ŝajnigi min K.R.-ano, ol Generala Estrarano, do mi iris skribi kelkajn poŝtkartojn en la akceptejo. Se oni akre disputis en K.R. en la apuda ĉambro, la sono ne penetris en la akceptejo; eble oni scias fari tiajn aferojn ĝentile, kviete. La afero povas esti matematika problemo, eble. « Se ses ordinaraj esperantistoj skribas poŝtkartojn, kaj dek ordinaraj esperantistoj argumentas pri neologismo, ĉu entute ili faras pli da bruo ol dek K.R.-anoj disputantaj pri la Kontrakto de Helsinki kaj la antaŭmilitaj rajtigitaj delegitoj? »

Ĉu tiajn problemojn oni enkondukos en la lernejojn, kune kun Esperanto?

**Solena malfermo.**

Se vi preferas, laŭ la kongreslibro, Inaŭguracio. Se vi preferas, Inaŭguro. Ĉiuokaze, la kongreso malfermiĝis solene. Sinjoro Bernard Long, Prezidanto de la Kongreso, malfermis ĝin per tre ĝentila parolado, donante koran bonvenon al ĉiuj, speciale al la alinacianoj. Nia amata poeto Julio Baghy majstre deklamis poemon verkitan speciale por la 22a de nia altestimata Doktoro Kalocsay, bedaŭrinde malhelpita veni al la kongreso pro malsano. Telegramo de la Duko de Connaught, onklo de la reĝo, Alta Protektanto de la Kongreso. Emocia kaj kortuŝa parolado de S-ro Merchant, kiu defendas Esperanton kontraŭ kalumnioj pri partiemo.

Poste parolas delegitoj de diversaj registaroj, aŭstria, germana (en nacia lingvo), rumana (en franca lingvo), nederlanda (parolas nia samideano Isbrücker) kaj aliaj, inter ili Kreuz por la plej malgranda, Liechtenstein. Rimarkinde estis, ke salutis por la brazila registaro Doktoro J. C. Muniz, brazila konsulo en Londono, ku kuraĝe legis sian paroladeton en Esperanto, kvankam ĝis antaŭ kelkaj tagoj, kiam lia registaro instrukciis lin per kablogramo, ke li reprezentu ilin ĉe la 22a, li apenaŭ sciis ion pri Esperanto.

Poste venis salutoj de la naciaj delegitoj, kaj tiam oni devis pretigi la sonorilon. Bedaŭrinde, ke tiom multaj ne komprenas simplan peton pri mallonga alparolo, kelkaj eĉ profitas okazon trudi saluton de iu faka organizaĵo, aŭ reklami pri iu fakkunveno. Modela estas S-ro Dahl, el Svedujo, kiu parolas klare kaj koncize.

Per kelka uzo de la sonorilo, la kunveno tamen finiĝas en bona tempo, kaj ni eliras impresitaj kvazaŭ denove pri la kapablo kaj potenco de nia lingvo.

**Enlitiĝo.**

Tia okazis same kiel hieraŭ, frue. Eble mi devus paroli nur pri mi mem, ĉar oni ĵuris al mi ofte dum la kongreso ke jen iu alia revenis al sia loĝejo nur je la unua. Tamen, ĉiam oni ĵuris pri « iu alia », neniu mem konfesis pri tia fiega konduto, do mi rajtas dubi la verecon de tia aserto, kiu efektive tuŝus la honoron de la tuta samideanaro.



F-INO ETTA SZÁSZ.

**Somera universitato.**

Ankaŭ tion oni inaŭguraciis, inaŭguris, solene malfermis, laŭ via volo. Bonhumora kaj afabla akademiano Collinson prizorgis tion. Oni diras, ke li estas profesoro, sed multaj studentoj neis la eblecon, dirante ke li ne estas sufiĉe seka tipo. Pri tio mi ne kompetentas juĝi.

Unuan prelegon faris Bennemann. Tio signifas, ke muzikamantoj havis vere artan ĝuon. « La Nekonata Mozart » iĝis multe pli bone konata al ni per helpo de nia kara samideano.

Samtempe kunvenis la Lingva Komitato. Ĉar mi sufiĉe balbutas nian lingvon, mi ne kuraĝis ŝajnigi min Lingva Komitatano. (Pardonon, S-ro Schwartz!)

Vespere oni prezentis al ni feston de Naciaj Dancoj. Tre bele. Unue venis skotaj dancoj, kun tiu mirinda skota sakfajfilo, kun kiu ni konatiĝis preskaŭ time en Edinburgo. Nun jam ne plu ĝi timigas, se oni havas fortajn orelojn. Dancoj kimraj, irlandaj, nederlandaj, hungaraj. Ankaŭ anglaj. Ĉiuj plaĉis nin, aparte ni ridis pro la gajaj nederlandaj dancoj, speciale ravis nin hungara fraŭlino Etta Szász, kiu iĝis dum tiu semajno kvazaŭ la « Kongresamatino » de ni ĉiuj

Post la festo, ni iris al io jam bone konata al la tria kongreso.

**La enlitiĝo frua.**

Kelkaj el ni estis eble vere enlitiĝemaj, inter ili kredeble la anoj de la Lingva Komitato kaj la partoprenintoj de la diversaj fakkunvenoj dum la posttagmezo en la Kolegio Christ Church. Kompreneble, se la fakkunvenintoj estis lacaj, tion kaŭzis streĉa laboro, ne la veturado al la kunvenejo, kiu tute apudis la akceptejon. Sinjoro M. C. Butler tre frue enlitiĝis, eble pro troa laciĝo kaj ekscito dum kunveno de la Lingva Komitato, eble ĉar proksiman matenon li devis veturi London je frua horo, por deĵori ĉe B.E.A. oficejo. Iu disvastigis la famon, ke oni dispecigis harojn dum la kunveno de L.K. Tiujn de Sinjoro Butler mi ne havis okazon nombri.

### La onklino el Brazilo parolas Esperanton.

Mardon okazis la unua prezentado de la kongresa teatraĵo, la mondfama angla farso « La Onklino de Charley ». Internacia rolantaro. Kiel reĝisoro, nia amiko Baghy. Multa laboremo, multa entuziasmo, kaj spite (oni diris) de grandaj malfacilaĵoj, eĉ lastmomentaj, la sola ebla rezulto. Kompleta, granda sukceso. De longa tempo mi ne ridis tiel forte. Estis fizike neeble teni sin rigida, kiam aperis la « onklino », S-ro Starke. La du studentoj viglaj, kiel ankaŭ la fraŭlinoj. Elparolado klare komprenebla, ĉe la anglaj rolantoj ankaŭ. Flua traduko, trafaj esprimoj. Dankon, sinjoro Baghy, dankon, ĉiuj geaktoroj kaj kunlaborantoj!

### Pri Ĉe-metodo.

Multe oni parolis pri Ĉe-metodo dum la tuta kongreso. Kelkaj aprobas la novan Instituton, kelkaj ne, ĉiuj havas intereson. Mardon vespere oni havis okazon juĝi iomete pri la metodo uzata de ĝia kreinto, ĉar li donis publikan lecionon al ĉeestantaro 1300a. Grandan entuziasmon li vekis, ĉe samideanoj kiel ankaŭ ĉe neesperantistoj kiuj ĉeestas. Se Ĉe povas sukcesi ankaŭ je-ĉeestantaro kun brita flegmo, certe lia metodo estas pristudinda!

### Fakkunvenoj.

Posttagmeze kunvenis denove fakuloj, instruistoj, pacifistoj, stenografistoj, Oomotanoj kaj legantoj de « Heroldo ». Tiun lastan kunvenon gvidis la ĉefredaktoro, Teo Jung, laŭ nova modelo. Li diris al ni, « Okazas multaj kunvenoj en tiu ĉi konstruaĵo, mi ŝatus ĉeesti unu el ili, kredeble vi ankaŭ, do mi finos tiun ĉi kunvenon kiel ebl plej rapide ». Kaj efektive la kunveno daŭris nur dudek minutojn. Bone, bone, sed kio okazos, sed tia sinteno iĝos ĝenerala? Diablo, ni devos mallongigi niajn kongresojn je kelkaj tagoj, kaj certe plendos kelkaj el niaj plej fluaj parolantoj! La ideo, ke oni simple parolu pri efektivaj aferoj, kaj poste silentu, jen tio estas vere revolucia. Ni devos esti singardemaj!

La suprenomitaj kunvenoj komenciĝis je la tria. Rimarkinde estis, pri ĉiuj kunvenoj de la kongresoj, ke ili komenciĝis akurate, preskaŭ akurate. Tio estis kaŭzo de granda plendo. Unu samideano diris, ke tian skandalon li ne konis de kiam okazis la Idista perfido. Li komencis detaligi lian plendemon, kaj mi komprenis, ke li volis rafi iun prelegon en la Somera Universitato, kaj trovis, nur unu horon post la anoncita horo de komenciĝo, ke okazas en la granda halo nur iu provo por la vespera koncerto, de dancistino en tre somera kostumo. Mi ne havis tempon finaŭskulti lian plendon, ĉar mi volis ŝajnigi min Framasono je la kvara. Poste mi rezignis pri tio, kaj iris trinki teon en la akceptejo. Tie, en suba salono, oni provizis bonajn manĝojn, kaj ni ĝuis multajn feliĉajn babiladojn kun geamikoj.



INTERNACIA GRUPO.

### Pluvo.

Mi ĝis nun forgesis paroli pri grava partoprenanto de la kongreso, Sinjoro Pluvo. Mi ne scias ĉu li pagis kotizon kiel helpkongresano, ĉar efektive li kutime foriris tuj post alveno, estante kvazaŭ Konstanta Reprezentanto de la Ĉiela Societo. Ĉiuokaze, li ĝenis la kongreson malpli ol iuj aliaj Konstantaj Reprezentantoj, ekzemple — sed mi ne menciu nomon. Li devigis nin porti paltojn dum multaj tagoj, kaj la anglajn kongresanojn konstante klarigi, ke lia vizito ne estas konstanta afero ĉe ili; pri kio ni gratulis ilin.

### Laborkunsidoj.

Ankaŭ mi ĝis nun forgesis mencii, ke kelkaj laboremuloj ĉeestis matenajn kunvenojn dum la kongreso. Ĉu ne oni ĉiam plendis pri la multeco de stranguloj, kiun havas nia movado? Efektive, mi konfesu ke mi mem enrigardis dum momento unufoje, kiam oni laŭtlegis saluttelegramon de Doktoro Privat. Timante, ke kio sekvos estos malpli feliĉiga, mi tuj retiriris mian kapon el la pordo.

Eble oni devus nomi ankaŭ la aliajn kunvenojn de la Somera Universitato « Laborkunsidoj », ĉar certe oni ne povis lasi la cerbojn endormiĝi. Okazis paroladoj de Profesoroj Collinson kaj Migliorini, el Romo, ankaŭ de nia kara Profesoro Cart. Ĉiuj temis pri lingvistiko, kiel ankaŭ la prelego de Doktoro Kalocsay, kiun legis amiko Sturmer. Nur la lastan mi mem povis aŭskulti, temis pri la evoluo en Esperanto de aparta poezia lingvo, kaj la rajto de la artistoj, provi neologismojn. Tre bone, se ili jam pruvis talenton kaj kiel verkistoj kaj kiel majstroj de nia lingvo.

### Koncertoj.

Merkredon, kiam oni duafoje prezentis « La Onklino de Charley », en la urbdomo oni prezentis koncerton, kiel ankaŭ ĵaŭdon vespere. La teatra halo povis enteni nur 500 lokojn, venis 1.200 kongresanoj, do, necesis tri prezentadoj. Ne necesas havi la matematikan cerbon de amiko-kongressekretario Goldsmith por konstati tion.

La koncerto estis bona, internacia. Kantis polo, S-ro Sowinski, dancis denove Etta Szász, ankaŭ dancis bela knabineto Molly Brown, kiun mi memoras el la 18a en Edinburgo, kunhelpis pluraj angloj, kaj prezidis la prezidanto de la kongreso, S-ro Bernard Long. Ne estis ĉiam facile aŭdi la vortojn de nia prezidanto, sed eble la kulpo estas nia, ke ni tro atentis lin per la okuloj. Vere, oni povas diri, ke nia prezidanto aspektis tre bela en sia fraka kostumo, al ni li ŝajnis la tipa angla sinjoro,

la « gentleman ». Tre bonhumora ni trovis lin, ne laŭ la maniero de nia kara Merchant, sed laŭ delikata, profesoreca humoro.

**La ekskursoj.**

Ĵaŭdon oni ekskursis tuttage. El kvar ekskursoj mi devis elekti unu, ĉar eĉ ĵurnalisto ne povas iri al kvar lokoj en la sama momento. Mi elektis Stratford, la hejmlandon de senmorta Shakespeare. Tie, spite pluvon, ni pasigis treege interesan tempon, kaj ricevis varman kaj kuraĝigan akcepton de la urbestrino. Multaj aliaj iris al Windsor, kaj tre kontente parolis pri ĝia beleco. Sinjorino diris al mi, ke unuafoje dum la kongreso ŝi kontentige manĝis tie; estis germana samideanino, kiu ĝis tiam ne alkutimiĝis al anglaj manĝaĵoj, kiuj tamen ne tre multe diferencas de niaj.

Aliaj ekskursis al Cheltenham, moda banurbo en bela kamparo, kaj al katedrala urbo Salisbury.

Vespere denove la teatraĵo kaj la koncerto, kaj denove frua enlitiĝo.

**La batalo.**

Vendredon ni tamen strikis. Mi diru malkaŝe, ke oni multe instigis nin al tio. Jam de merkredo mi vidis anoncon sur la akcepteja tabulo, « Faru aranĝon kun via dommastrino pri la vendreda nokto ». Dum momento mi kredis, ke temas pri nova Tago de Sankta Bartolomeo, ke tiun nokton oni intencas murdi ĉiun Esperantiston en Oxford, sed post pli zorga legado mi konstatis, ke oni aludas al la Balo. Min certigis la loka ĵurnalo en la proksima tago. La loka ĵurnalo, la « Oxford Mail », ĉiutage enpresis informon kaj artikolojn en Esperanto, kaj oni povis legi pri novaj fakkunvenoj kaj tertremoj en Ĥinujo. Nu, mi legis, ke la kongresa komitato organizas batalon, kaj volas nian kunhelpon.

Tre bone, tre bone, kontraŭ la hotelestroj kaj dommastrinoj de Oxford mi tre volonte batalus, sed ĝuste kiel la L.K.K. aranĝas la aferon? Ĉu ĝi estos kiel militstabo, kiu kondukas sian armeon de malantaŭe, aŭ ĉu ĝi montros al ni la vojon, tiel ke ni vidos ekzemple amikon Sturner luktanta kun plej sovaĝa ano de la dommastrina raso?

Finfine oni komprenigis nin, ke la afero devas esti tute paca, laŭ maniero taŭga al homaranoj. Necesas klarigi al la severaj moralgardantoj de Oxford, ke ni estas kompatindaj kontinentanoj, kiuj alkutimiĝis al facilmoraj manieroj, ke ni havos balon ĝis la unua horo de la sabata mateno, kaj ke kvankam ni estos la unuaj, hejmenvenintaj pli malfrue ol la meznokto, depost la invado de iu armeo en la dektria jarcento, ni tamen petas tiurilatan permeson.

Do, ni petis, kaj ricevis permeson. Ĉu jam la Esperantismo tiom kaptis la korojn de la severaj Oksfordanoj? Estas certe, ke multaj montris sin tre afablaj en tiu semajno, kaj montris grandan intereson pri nia afero.

Do, vendredon vespere oni balis. Dum la tago oni ripozis, laborkunsidis aŭ aĉetadis laŭvole. Posttagmeze okazis kriketludo kontraŭ trupo de alia, samtempa kaj samloka kongreso de registaraj oficistoj. Pri ĝi ne demandu min, tio estas faka afero, mi povas raporti, ke ni venkis ankaŭ en tiu batalo, sub gvido de komitatano Gething. Mi mem vizitis la oficejon de la loka ĵurnalo, « Oxford Mail », tre interese, kvankam la maŝinaro ŝajnas malgranda kompare ekzemple de la « Frankfurter Zeitung », kiun mi vizitis dum la germana kongreso en 1929.

Finfine venis la tempo de la balo. Eble tio estas stranga afero, tamen mi diru, ke mi estas dancanto. Tial mi tre ĝuis tiun balon. Oni eraris kiel en aliaj jaroj, enlasante naciajn dancojn, prezentadojn, paroladojn, k.t.p. kaj la halo estis sufiĉe granda por enteni nin. Ĝi ankaŭ entenis kelkajn nekongresanojn. Oksfordanoj kiuj enŝtelis sin sen invito. Tamen, ni ne koleru kontraŭ ilin. Ni memoru, ke ili ne ofte havas balon en Oxford de tia speco, tiel malfrue, kie oni vidas tiajn belajn kostumojn kaj sentas tian gajan atmosferon. Estas nur nature, ke ili kaptis bonan okazon.

Ĉiuj estis gajaj en tiu vespero, eĉ la filineto kaj fileto de S-ro Butler, samtage falintaj el boato en la riveron, ŝajnis tute vervigitaj de sia sperto. La orkestro bele ludis, de tempo al tempo oni preskaŭ mallumigis la halon, helpante tiel al kongresbalado, nia prezidanto venis kun sia bonhumoro kaj sia bela frako. Sinjoro Goldsmith, la sekretario, tute forlasis sian severan sestagan mienon, kaj helpis instrui nin pri la nova dancaranĝo, « Paul Jones ». Se vi ne scias, kio estas Paul Jones, demandu iun kongresinton, aŭ sendu unu funton sterlingan al S-ro Goldsmith, ĉe B.E.A. kune kun afrankita koverto por la respondo.

Ŝajnis, kvazaŭ finfine nia batalo ne tute estas sukceso por ni, ĉar subite oni ĉesigis la balon je kvaronhoro antaŭ la unua. Eble tiun kvaronhoron oni devis cedi, pro iu sekreta kontrakto inter la L.K.K. kaj la dommastrinoj. Ĉiuokaze, ne demandu min, je kiu horo ni ĉiuj enlitiĝis. Mi suspektas, ke kelkaj el ni tute ne iris hejmen in tiu nokto, tiom akurate, oni vidis nin ĉe la Ferma Kunveno en la proksima mateno.

**Londono.**

Tiam do venis la fino. Iomete ni estis malpli malgajaj ol kutime ĉe la disiĝo fine de unu el niaj ĉiujaraj festoj, pro tio ke tiom multaj el ni, precipe alilandanoj, kune veturos al Londono, kies Postkongreso estos pli granda ol kutime, estas kvazaŭ helpa ŝtupo malsupren al la rehejmiĝo kaj la ĉiutaga rutino. Ni diris « Adiaŭ » al Oxford kun bedaŭro, al tre bela urbo kiu tre afable gastigis nin, kiun ni portos en la koro kaj en la memoro dum la tuta vivo.

En Londono ni povis ankoraŭ sperti la gastemecon kaj helpemon de la angloj, kies malvarmemo estas tre surfaca. Eĉ kiam ĝi ŝajne ekzistas, ĝi venas nur el tio, ke angloj malpli komprenas niajn bezonojn, ol ni iliajn kiam ili venas al niaj landoj. Speciale mi rimarkis tion rilate al turismaj aferoj. Kontraŭe, mi konfesu, ni mem estas iom tro postulemaj, nesufiĉe indulgas fremdajn morojn.

En Londono la kongresejo estis tre bela, iu taŭga kaj nove konstruita halo Conway, proksime de la triĉambra oficejo de Brita Esperantista Asocio. Plejparte ni renkontis la samajn laborantojn, ĉar la kongreso en Oxford estis ĉefe organizita de Londonaj samideanoj. La prezidanto de la organizanta klubo, la Londona Esperanto-Klubo, estas sperta kaj simpatia junulo, S-ro F. E. Wadham, kaj ni ĝojis konatiĝi kun li kaj multaj aliaj anoj el fervora juna generacio, kiu faris sian eblon por agrabligi nian restadon en Londono. Ni promene ekskursis al famaj vidindaĵoj, ni ĝuis plaĉajn koncertojn, ĉe kiuj ni povis denove aprezi la deklaman talenton de Julio Baghy kaj la dancadon de lia samlandanino, Etta Szász. Bonvene salutis nin S-ro Wadham, por la alilanduloj respondis Schoofs kaj la amiko, kiu, laŭ la ŝerco de S-ro Wadham, « okupas tiom grandan lokon en nia movado ».

En la dimanĉoj okazis diservoj protestanta (ĉe kiu predikis S-ro M. C. Butler) kaj katolika. En la fama parko Hyde oni faris propagandajn paroladetojn de publika estradeto, ĉe kiu parolis pluraj samideanoj. Komencis S-ro Wadham, Sturmer montris neatenditan elokventecon, parolis malnova amiko Yelland kaj nova amiko juna, O'Connor. Inter ili parolis diversaj alilandanoj, kies paroladojn oni tradukis. Do, inter la anoj de ĉiuj religioj kaj politikaj partioj, kiujn oni lasas libere paroli tie, ankaŭ aŭdiĝis la voĉo de nia kara afero. Bone, sed kial ne pli ofte? Atentu tion, Londonaj Esperantistoj!

Lundon oni kondukis nin tra Londono en aŭtomobiloj, tiujn el ni, kiuj ne estis tro lacaj. Mi klarigu. Dum la vespera kunsido, S-ro Wadham anoncis al ni, ke ni ne plu estas en Oxford, kio signifas, ke ni povas trovi restoraciojn viziteblajn tra la tuta nokto.

Do, ĉiel ni profitis la lastajn tagojn de nia vizito al Anglujo. Lundon vespere, la Katolika Esperanto-Klubo invitis ĉiujn kongresanojn, katolikajn aŭ ne, al gaja festeto en sia klubejo. Oni manpremis la simpatian sekretariinon, oni trinkis teon, kune kantis, aŭskultis denove la deklamadon de Baghy, kaj ...kelkaj el ni devis jam forrapidi. En stacidomo Victoria diris al mi Mihalik, tre prave, ke Londono kaj Oxford taŭge komplementis unu la alian, donante al ni neforgeseblan sperton, bonegan instigon al plua laboro por nia afero. Unu al alia ni diris tiun nokton, ĝis revido, en Krakovo... kaj en Anglujo!

(Ano.)

---

## Saluton al la 22a kongreso

*De D-ro Kalocsáy.*

*Ekflugu, kanto, portu sur flugiloj*
*La vagajn veojn, flugu al ĉiel',*
*Kaj vin baninte en eteraj briloj,*
*Reportu iom da ĉiela bel'!*
*Kiel mielon portas la abel',*
*Reportu dolĉon de Espero flata*
*Al koroj, kiuj por majesta cel'*
*Entuziasmas kun batado frata,*
*Por granda Mondkompren' benanta kaj benata.*

*La pac' ne portis por ni paradizon,*
*Milito ĉesis, sed ne: la Malben'.*
*La Mond' suferas kataklisman krizon,*
*Mizero hurlas lupe, kaj Ĉagren'.*
*Ne estas ĝoj' plu, nur narkota sven',*
*La mond' malsanas, kvazaŭ korp' ŝirita,*
*Kies partetoj, kun senorda pen',*
*Nur konvulsias en barakto ŝvita,*
*Ĉar mankas kunlabor', ĉar mankas gvid' spirita.*

*La Mond' malsanas, sed ĝi sani volas.*
*Ho, kie estas por ĝi la balzam'!*
*Jen, bonaj koroj, bonaj cerboj bolas*
*Por ĉi balzamon fine trovi jam!*
*Nun brulu flagre ankaŭ nia flam'!*
*Kaj se nin oni mokas « stranga sekto »,*
*Ni estu do la sekto de la Am'!*
*Ĉar Amo, jen la vera voj-elekto!*
*Sub signo de l'Esper' ni marŝu en la Rekto!*

*Espero, jes Espero, ĉiam ree,*
*Kun forta spito kaj kun spita fort'.*
*Espero vivas, vibras senperee,*
*L' Esper' pli forta estas ol la Mort'.*
*Jen, prete staras nova pac-kohort':*
*Heroldoj de la Lingvo, por fermentojn*
*De l' Amo ŝuti per instrua vort',*
*Por semi vortojn kaj rikolti sentojn,*
*Biblie: iri kaj instrui ĉiujn gentojn.*

*Jen la evento granda de la jaro!*
*Saluton, kanto, al la brila Fond',*
*Ke vigle varba apostola aro*
*Ekiras migre tra la tuta mond'.*
*Potence kreskas Familia Rond'!*
*La Lingvo Frata, ĝiaj dolĉaj sonoj*
*Inundos ĉien per triumfa ond',*
*La Forta Vok', en ĉiuj regionoj,*
*Resonos en la kor' de junaj legionoj.*

*Ĉeestas ĉio, por esperi firme!*
*Ne povas velki jam la granda verk'.*
*Se l' semon tenas junaj koroj ŝirme,*
*Elkreskos el ĝi mond-ombranta kverk'.*
*Nur vartu ĝian verdon kontraŭ velk'*
*La roso de la Amo ĉiopova:*
*Ja venke flugos supren el la ĉerk'*
*La sankta sent': malnova, tamen Nova*
*Sento de granda kor': la sento Zamenhofa.*

## Naciaj Kongresoj

### 9a Aŭstria Esperanto-Kongreso
### Linz a.D.

La naŭa Aŭstria kongreso okazis en Linz 27-29an de Junio. Ĉeestis 50 personoj. Inter la laboroj plenumitaj estas citindaj: Elekto de nova estraro, elekto de S-ro Hugo Steiner, Reg. konsilisto al honora membreco. Kiel prezidanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio elektiĝis Sinjoro Direktoro Wannek en Linz. Inter la distraĵoj estas rimarkindaj: Dancludo de 12 knabinoj de la unua klaso de l' ĉeflernejo (Kara amikin'), militista muziko sur la granda placo, flugo de aviadilo kun surskribo *Esperanto*, kondukita de S-ro Wannek, frato de Dir. Wannek, Ĥorkanto. Plie paroladojn de Samideanoj Wannek, Steiner kaj Mráz pri nia movado. Komuna tagmanĝo, promenoj tra la urbo, ekskursoj al ĉirkaŭaĵo.

## IV Tutpola Kongreso de Esperanto

### Lodz, 20-21a de Sept. 1930.

*Kotizo:* 5 pol. zlotoj.

*Adreso:* S-ro J. Glicensztejn, Lodz, ul. Zachodnia 54.

*Provizora programo:*

*Sabaton*, la 20.9.1930:

8 horo Akcepto en la kongresejo (Lodza Urbdomo).
9-12 Vizitado en Lodzaj grandfabrikejoj.
12.30 Komuna tagmanĝo.
15. Solena Malfermo en la Urbdomo.
17. Unua Kongresa Laborkunsido.
19. Vespermanĝo.
20.30 Kongresa Raŭto.

*Dimanĉon*, la 21.9.1930:

8.30 Diservo en Katedralo de St. Kostka.
10. Dua Kongresa Laborkunsido.
12. Komuna fotografado.
13. Komuna tagmanĝo.
15. UEA kunsido. Fakaj kunvenoj.
17. Fermo de la Kongreso.
20. Amika kunveno en parko Helenów.

## Svisa kunveno

La jara kunveno de svisaj esperantistoj okazos en Morges 27-28 Septembro 1930. Pri informoj sin turni al S-ro Charles Jayet, Delegito de UEA, Grand'Rue, Morges.

## Brita Kongreso

**Pentekosto 1930.**

*Korektoj.*

Al la raporto de S-ro Sturmer, kiun ni represis el « Heroldo » en nia Junia numero ni aldonis tiam la informon, ke la Brita kongreso aprobis la principon de komuna kotizo kun UEA kaj ke referendumo decidos. S-ro Sturmer skribas al ni, ke la rezolucio de la kongreso temas nur pri la referendumo, kiu estis decidita per la plimulto kontraŭ 8 voĉoj. Akcepto aŭ malakcepto de la afero mem apartenos al la membroj de la Brita Asoico per skriba baloto. (*Red.*)

## ONI DANKAS

*** S-ro Ernst Sonnenfeld, Brno (Brünn) kore dankas la delegitojn kaj samideanojn en Parizo, Nice kaj Venezia por afabla helpo dum vojaĝo.

*** S-ro R. Rubĉiĉ, Delegito en Split, restadinte du jarojn en Zagreb esprimas sinceran dankon al S-ino Berta Keyzlarová, Delegitino en Červeny Kostelec (Ĉeĥoslovakio) kiu kun vere patrina oferemo helpis lin, al S-ro D-ro Maruzzi, komitatano kaj al S-ro F. Puhalo, teritoria sekretario de UEA en Zagreb pro multaj afablaĵoj.

*** S-ino Marie David Rousset, D de UEA en Rayack, Sirio, kore dankas al S-ro Henk Goemans, D en Konstantinoplo, D-ro Anakreon Stamatiadis en Ateno kaj samideanoj el Napoli por afabla akcepto okaze de vojaĝo.

*** S-ro A. Münz, Berlin tutkore dankas al la delegitoj Malmgreen, Pehrsson kaj Johansson en Stockholm, al delegito Rian en Trondhjem, sinjoro Bonnevie kaj delegito Arnessen en Oslo — Delegito Anjér en Bergen, Norvegujo — kaj al sinjorino Blicher en Kopenhago, Danlando por ilia helpo dum vojaĝo. Apud la multaj aliaj preferoj de nia mondlingvo — sole la sistemo de UEA kies helpemaj delegitoj ne nur plifaciligas kaj agrabligas la vojaĝojn, sed eĉ enpenetrigas la vojaĝantojn en la plej gravajn aranĝojn de la fremdaj landoj — do alproksimigas la popolojn — pruvas la praktikan kaj etikan-tiurilate ne supereblan valoron de nia Esperanto.

*** S-ro Charles Meyer, en Saint Maur, Francujo, kore dankas F-inon Jenny Kohn en Alba Julia, Ruman., pro perdo de adreso ne povis tion fari rekte.

*** S-ro Heinr. Dresselhaus, MS 22542 en Dortmund (Germ.) korprofunde dankas S-ron profesoron E. Modesto Carolfi, D en Guastalla (Ital.) pro afabla helpo al amatorpentristo per alsendo de vidaĵoj kaj libro elpetitaj de mi.

## Pri la nomo de nia gazeto

En raporto pri la kunveno de UEA dum la kongreso en Oxford « Heroldo de Esperanto » informas, ke nia gazeto intencas ŝanĝi sian titolon. Tio ne estas tute konforma al la realo, « Esperanto » ne ŝanĝos sian nomon, sed aldonos klarigan subtitolon. (*Red.*)

# Tra la Libraro

*Literaturaj verkoj. — Fakaj verkoj. — Lerniloj kaj propagandiloj.*

Post la « Verdkata Testamento » kaj « Prozo ridetanta » oni sciis, kiom lertege Raymond Schwartz uzas nian lingvon verse kaj proze, por amuzi aŭskultantaron aŭ legantaron. Saman spertecon ree pruvas la humora, ironia, satira romaneto « Anni kaj Montmartre ». La certe malgaja aventuro de l'juna germanino, delogita, trompita, forlasata en Parizo, kie ŝi malsuprenfalas ĉiujn ŝtupojn de l'socia klasaro ĝis nevola kunkulpo en krimo, estas rakontata tiel sprite, tiel moke, per tiaj neatenditaj figuroj kaj komparoj, ke ĝi elvekas nevenkeblan ridon. Kelkaj novskolaj desegnaĵoj ornamas tiun tre modernan rakonton zorge presitan kaj eldonitan. Nin ne ofendas la stranga medio, kien nin kondukas la aŭtoro; tie: « ankaŭ moralprincipoj, malgraŭ siaj rigidaj kirasoj, estas senvertebruloj, kiuj konformiĝas al leĝoj de l'relativeco »; sed malgraŭ la kvalitoj grandaj de ĝia stilo tiu nova verko ne forgesigas la antaŭe cititajn, kredeble ĉar ŝercaĵo bezonas mallongecon por esti plej efika.

Pli duban impreson postlasas lego de « La vera historio de Ahq. Ankaŭ bone prezentata estas tiu traduko el moderna ĉina verkisto, malgraŭ kelkaj preseraroj. La stilo ne estas sen meritoj, kontraŭe. Laŭdindaj estas, ĉe l'fino, la klarigoj, ĉu esperantaj por la tutmonda legantaro, ĉu ĥinlingvaj kredeble por helpo al enlandaj lernantoj. Temas pri vivo de iu mizera vagulo, stultulo, kiu iras de unu malfeliĉo al alia, kies ĉiu entrepreno missukcesas, kiu ĉiam batita, opinias sin triumfinto, ĉar li imagas venĝon neniam efektivigeblan. Fine li kredas sin revoluciulo, kio kondukas lin al senkapigo. Antaŭ la juĝistoj li ĉefe hontas ĉar nesciante skribi, li eĉ nekapablas desegni cirklon anstataŭantan lian manskribon. « Enirante la kradigitan pordon la trian fojon, li tamen ne sentis sin tre indigna, ĉar li kredis je tio, ke homoj naskitaj inter ĉielo kaj tero je devas kelkfoje esti arestataj, kelkfoje eniri malliberejon aŭ eliri el ĝi kaj kelkfoje desegni cirklon sur pecon de papero. Sed la nekapablo desegni perfektan cirklon ŝajnis al li bedaŭrinde granda difekto en la verdikto pri lia karaktero. Fine li sin konsolis per la penso, ke almenaŭ liaj filoj kaj nepoj kapablos desegni perfekte rondan cirklon. Ah Q ŝajne simbolas la neinstruitan malriĉan tavolon de l'ĥina popolo. Videble la aŭtoro elektis tiun heroon por spiti la klasikan ĥinan literaturon, kaj uzas ĉirkaŭdirojn por moki ĝian afektitan ceremoniecon kaj tro singardeman humilecon. Sed certe multajn el la intencoj aŭ aludoj de l'aŭtoro ni perdas, ĉar tro fremda al ni eŭropanoj estas la funda menso de popolo, kies civilizo, tradicioj tiom diferencas de la niaj. Malgraŭ aŭ pro sia strangeco tiu verko meritas atenton kaj liveras al ni unu eklumon sur mistera mondo.

Edward S. Payson ĝis nun legigis diversajn tradukaĵojn. Jen li prezentas al ni originalaĵon, legendon el Venecio: « Juneco kaj Amo ». La belaspekta libreto rakontas en dekunu scenoj amaventuron de pentristo, kiu amegas junan belegan filinon de fiŝisto; ŝi maldankeme lin forlasas por sekvi lian junan plejbonan amikon. Post tiu perfido, la artisto rezignas venĝon sed mortas. Priskriboj de l'urbkvartaloj, de l'markanaloj, de sunsubiĝo, kompreneble ne mankas. Malgraŭ la subtitolo, tiu rakonto tute ne estas legendo, sed malnovmoda novelo, bonintenca, neniel malĉasta, en kiu oni divenas la okazontaĵojn, kiujn la personoj mem antaŭsentas kaj anoncas; tiaj romanetoj ankoraŭ estas ŝatata legaĵo por multaj gelegantoj. La stilo de la aŭtoro, pli flua ol en liaj antaŭaj tradukoj, estas ankaŭ pli korekta.

Originalo ankaŭ estas la *Tri Bengalaj Fabeloj* de Lakshmiswar Sinha, lukse eldonita broŝuro. Rakontetoj interesaj kaj bone verkitaj. La leganto bedaŭras, ke nur tri tekstoj enestas kaj demandas al si, kial ne atendi por liveri taŭgan kolekton, anstataŭ kreskigi la jam tro grandan nombron de niaj kvazaŭaj presprovaĵetoj.

La samon mi diros pri la *Garbo* en kiu Asen Grigorov kolektis dudekon da poemetoj; sed kontraŭe al la Fabeloj plie la papero kaj preso ne indas je poezio. La ritmo de l'versoj, ofte 15 ĝis 17 silabaj, estas bona; asonancoj ne mallaŭdindaj ofte anstataŭas rimojn; eliziitan « O » ne markas apostrofo; preseraroj kaj ŝtopvortoj ankaŭ troviĝas. La temoj estas tre simplaj kaj, kvankam bona, tiun verketon oni ne nomas gravaĵo en nia originala poemaro.

En plaĉa broŝureto *Tricent jaroj da historio Bostona*, la stilo, unutona pro frazoj ĉiam mallongaj kaj samspecaj, estas plie ofte nekorekta kaj peniga. Cetere pli ol la disvolviĝo de l'urbo Boston, ĝi koncize diras la historion de l'angla koloniado en Nord-Ameriko.

---

Male, estas vera plezuro legi libron kiel *Naciismo* de E. Lanti, ne ĉar la temo estas amuza, tute ne, sed ĉar la senerara flua stilo pruvas, ke la aŭtoro vere majstras nian lingvon, kiel nacia verkisto sian gepatran, t.e. tuj pensas la esperantan esprimon anstataŭ, kiel multaj aliaj, per vortaroj klopodeme traduki, eĉ en originalaĵoj, la pensojn nacilingve vortigitajn en sia cerbo. Preso kaj papero indas je serioza verko. Oni ne miros pri landnomoj kun « io », aŭ pri esperanta ortografio de ĉiuj propraj nomoj. Naciismo estas unua ero de triunuo, kies dua kaj tria partoj titoliĝos: « Internaciismo » kaj « Sennaciismo ». Ĉefe historia, la verko prezentas multajn faktojn je neatendita flanko, aŭ lumigitaj per nova lumo. Ĉu la nova, aŭ la kutima vidpunktoj estas la veraj, ni ne rajtas decidi. Ekzemple, vi kredis aparteni al civilizita nacio, sed:

« La dek milionoj da buĉitoj, la sama kvanto da kripligitoj el la antaŭnelonge okazinta mondmilito protestas kontraŭ tia pretendo. Homoj, kiuj povas dum kelkaj jaroj senhalte sin interbuĉadi per plej kruelaj rimedoj, homoj, kiuj povas dum sia tuta vivo elspezi grandegan parton al sia energio por inventadi kaj fabrikadi mortigilojn, tiaj homoj ne povas pretendi esti civilizitaj. »

Kio estas patrio, kaj patriotismo?

« Tiel sub la nomo patrio aŭ nacio kreiĝis la moderna religio, la mito, kiu disvastiĝis tra tuta Eŭropo, ĉie kie la feŭdaj rajtoj estas forigitaj. La patrio fariĝis vera idolo, kiun adori devas ĉiu civitano, idolo al kiu ĉiu devas ĉiam esti preta oferi sian propran vivon. »

« La patriotismo estas nuntempe la plej potenca ideologio; ĝi pasiege superregas la spiritojn kaj kapablas fari el pacemaj, bonkoraj homoj batalemajn kaj sangavidajn bestojn. »

Tiuj citaĵoj montru samtempe la tendencon de l' verko, la nedubeblan intereson de ĝiaj ideoj, la taŭgan stilon de l'aŭtoro.

---

Du verketoj pledas por la Soveta reĝimo en U.SS.R. Unua, *La Decida Jaro*, de J. Stalin, klarigas, kiel la nuna koncepto de l' rusuja regantaro obeeme realigas la antaŭdirojn de Lenin; « eĉ blinduloj » nun vidas la mirigajn ĵusajn sukcesojn en laborproduktiveco, en industrikonstruado kaj en kamparekonomio; la teksto finiĝas per tiuj vortoj:

« Ni fariĝas metalurgia lando, lando de aŭtomobiligo, lando de traktorigo. Kaj kiam ni sidigos Sovet-Union sur la aŭtomobilon, kaj la kamparanon sur la traktoron, tiam provu ĝisatingi nin la respektindaj kapitalistoj, fanfaronantaj pri sia « civiliziteco ». Ni ankoraŭ vidos, kiujn landojn oni povos konsideri tiam malprogresintaj kaj kiujn antaŭmarŝantaj. »

La dua, *La vero pri persekutoj kontraŭ religio en U.S.S.R.* de M. Ŝervud, asertas, ke nur por instigo al nova milito kontraŭ Rusujo, en ĉiuj eŭropaj landoj oni trompas la popolojn per diroj malveraj pri religia malliberеco, pri atencoj kontraŭ eklezioj, pri punoj al pastroj, pri fermo de preĝejoj. Ĉio tio estas nuraj kalumnioj. De sama speco kiaj tiuj pri la tiel nomita « sociigo de la virinoj », kiuj provis antaŭ kelke da jaroj elveki tutmondan malamon kontraŭ U.S.S.R.

Finigis sian unuan serion la Biblioteko Nova Kulturo. Dua serio, kun ankaŭ 10 numeroj, komenciĝas per kajaro entenanta du novajn prelegojn de l' profeto P. Dânov: *Jen la Homo*, kaj « La tritika grenero ». Tiuj prievangeliaj paroladoj, bone tradukitaj, estas morala konsilaro, kiu ŝajne alportas malmulton novan al kristanoj kaj malmulton konvinkigon al indiferentuloj. Eble tial juĝas iu, ĉar lia propra menso ne estas trafebla per tiaj piaj predikaj admonadoj.

---

Stranga, eĉ nur je presa vidpunkto estas broŝureto eldonita en Shanghai, kie apudestas tekstoj esperanta kaj ĥina de la fabelo el fratoj Grimm, *Frateto kaj Fratineto;* kia distanco inter tiuj du lingvoj, inter iliaj literaroj! Ĉu la simpla kunesto de l' du lingvoj permesas lerni unu el ili? Mi konfesas ke, komprenante la esperantan, tio tute ne sufiĉas por diveni ion el la ĥina teksto; espereble la kontraŭa vojo estas pli facila, ĉar nenia klarigo helpas.

Iom similan impreson faras la *Persa ŝlosilo*, elegante presita en Tabriz, en kiu la persa literaro ŝajnas preskaŭ pli konfuza ol la ĥina. Jam la libro komenciĝas per la lasta paĝo! Laŭdata estu I.C.K. kaj ĝiaj helpantoj en eldonado de tiaj malfacile pretigeblaj sed utilegaj lerniloj.

Franclingva propagandilo *La Langue internationale*, de E. Lanti, atingas duan eldonon. Ĝia subtitolo: kion ĉiu konscia laboristo devas scii pri tiu-ĉi temo, diras la celon de l'aŭtoro. Li ĝin bone plenumis.

Li tiras citaĵojn el gravaj filologiaj verkoj, trovas trafajn argumentojn: Uzo de Esperanto estas lingvistika racionaligo; Lingvo ne estas vivanta estaĵo sed kreaĵo homa, kiun homa volo rajtas korekti; Oni ne malkovras Amerikon dufoje (pri novaj projektoj de L.I.); Lingvon oni ne juĝas laŭ ĝia perfekteco sed laŭ ĝiaj servoj. Ankaŭ la literatura supereco de nia lingvo estas prave menciata per citaĵo el Ch. Baudoin, kiu diris: Esperanto realigis tiun miraklon, ekvilibri en si la muzikon kun la algebron, la esprimon de l' sentoj kun tiun de l' logiko. Tiu ekvilibro, tiun la vivantaj popollingvoj spontane realigas, estis malfacile atingebla por artefarita lingvo. Esperanto ĝin atingis kaj tio estas propra decida fakto.

Nova pli ampleksa *Esperanto-Adresaro* de la Sudokcidenta Germana Esperanto-Ligo por jaroj 1930-31.

G. S.

---

## LINGVAJ STUDOJ

Kiel sekvo al nia artikolo en antaŭa numero paĝo 120 (Ni petas tradukon) ni ricevis aron da respondoj, el kiuj ni represas la jenan, kun danko al la bonvolaj legantoj.

**Pri la vorto « slojdo ».**

Kun intereso mi legis la artikolon de SOTO pri la sveda uzo de la vorto « slojdo ». Mi tuj komprenis, ke slojdo estas la sveda vorto « slöjd », kiun ni ankaŭ konas en dana « Slojd ». Mi serĉis en miaj vortaroj kaj trovis:

1) *en dana-angla vortaro:* Slojd: home arts, manual labour, sloid.
2) *en dana-germana vortaro:* Slojd: Handfertigkeit.
3) *en dana-franca vortaro:* Slojd: travaux manuels.
4) *en dana-hispana vortaro:* Slojd: obra manual.
5) *en dana-esperanta vortaro:* Slojd: slojdo.

Tiam mi serĉis en aliaj danaj vortaroj kaj trovis:

6) en « Dansk Ordbog for Folket » (dana vortaro por la popolo) de Dahl kaj Hammer:

Slojd: Pedadoge aranĝita manlaboro speciale en ligno, tamen ankaŭ en aliaj materialoj.

N. B. — Ni havas en la danaj popollernejoj la fakojn:

| | |
|---|---|
| Papirslojd: | paperoslojdo. |
| Lerslojd: | argiloslojdo. |
| Træslojd: | lignoslojdo. |
| Metalslojd: | metaloslojdo. |

7) en « Etymologysk Ordbog over det norske og danske Sprog » (Etimologia vortaro por la norvega kaj dana lingvo) de Hjalmar Falk kaj Alf Torp:

Slojd: industrio de lignoartikoloj.

*La evolucio de la vorto estas:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| I. | Pra'norda: | slôgd: | ruzo (esperante). |
| | | slôgr: | ruza. |
| II. | sveda: | slöjd: | ruzo, lerteco, slojdo. |
| III. | norvega. | slogd: | » » » |
| IV. | dana: | Slojd: | » » » |
| V. | angla: | sleight: | ruzo. |
| | | sly: | ruza. |
| | | sloid: | slojdo. |

La nuna senco en dana, sveda kaj norvega de la vorto sekve estas: « Pedagoge aranĝita manlaboro speciale en ligno, tamen ankaŭ en aliaj materialoj. Sama laboro efektivigita hejme estas « hejma slojdo ». Tia laboro ankaŭ kiel hejmindustrio aŭ hejma teksaĵo ».

A. SORENSEN, *instruisto*,
Roskilde, Danlando.

## Pri la vorto «laiko»

Franca leganto skribas plendante, ke li trovis en vortaro la jenan tradukon por *laiko:*

« laika, ne kompetenta, malsperta pri io ».

Li prave rimarkigas, ke la multe pli ofta senco estas « ne pastra, neeklezia ».

La senco « nekompetenta » estas nur bildo deveninta de la unua por montri personon, kiu ne apartenas al la rondo de la « pastroj » aŭ kulturantoj de iu arto aŭ scienco.

# Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

## *Al niaj liganoj !*

Nova ligo de samfakuloj estas fondita de ni. Certe ankaŭ la celo estas konata al vi, servi per uzo de nia komuna helplingvo Esperanto al la tuthomara bono. Necese ŝajnas esti al mi, ankaŭ diskuti pri la atingebleco de nia ligcelo. Ni tute ne kompetentas pri iu ajn ordona decido al oficiala enkonduko de Esperanto en la internacia polica servo. Pri tia decido rajte nur kompotentas niaj estraroj, de kiuj ni estas subulaj servantoj.

Konsekvence de niaj profesiaj devoj ni tamen komprene devas diferencigi tiajn el niaj esperantistaj devoj. Laŭ tiaj ni klare komprenu, ke niaj estraroj kaj registraroj el si mem ne estas personoj per iniciata forto. Ili plenumas iliajn taskojn nur laŭ instrukcioj, kreitaj de korporacioj ĉefe parlamentaj. Laŭ tio niaj estraroj el si mem ankaŭ ne povas decidi la enkondukon de Esperanto kiel oficialan polican lingvon. Por atingi tion estas nepre necese instigado el persona korporacio, nun prezentata de nia ligo. Nepra supozo de tia instigado estas, ke ni havas en nia fako jam aron da personoj, kiuj bone scias nian lingvon kaj kiuj demonstracie propagandas ĝian uzadon per spertoj el la profesio. El tio rezultas, ke ĉiu ano de nia ligo devas kunhelpi por pretigi la vojon ĝis la atingo de nia celo.

Ju pli granda la anaro des pli granda nia influo kaj la efiko de nia propagando ĉe estraroj. Nur paŝo post paŝo estas atingebla la enkonduko de nia helplingvo en la polica servo.

Laŭ tio, samprofesiulo nur lernante nian lingvon amuze, ne plenumas esperantistan devon kaj ne taŭgas por niaj idealpraktikaj celoj. Esperantista samprofesiulo ne nur devas bone scii nian lingvon sed ankaŭ devas esti spertulo ĉiurilate. Li nepre komprenu, ke laboroj al idealaj celoj nur povas finsukcesi per faka kunigado kaj per kunhelpa laboro. Tion komprenante li ankaŭ plenumos sian devon, daŭre propagandi en la senco de nia celo inter samfakuloj, estraroj kaj registraroj.

Vere konvinkita ano de nia ideo ankaŭ estas preta oferi por ideala celo, ne murmurante pri pago de kotizo. Li certe ankaŭ komprenas, ke nenio estas progresebla sen mono.

Nia jara ĉefkunveno, anoncita dum la Universala Kongreso en Oxford je la 4a de Aŭgusto devis esti nuligita pro ne sufiĉa partopreno. Ĝian aranĝon ni devas prokrastigi ĝis pli taŭga tempo, kiam Universala Kongreso ree okazos en lando de Centra Eŭropo, kie multnombra partopreno estas certa.

Pro tio la voĉdonado pri nia statuto estos aranĝata skribe per speciala invito sendota al ĉiu membro kune kun la projektita statuto. Laŭ tio ĉiu membro estas rajtigata, skribe klarigi sian interkonsenton aŭ protestan rifuzon. La plenumo de voĉdonado okazos post la presigo de la statuto kaj ĝis fino de ĉi tiu jaro.

Ankaŭ la eldono de membrokartoj sukcesis. La vizitintoj de la konferenco en Dresden interkonsente decidis eldoni ĝin en simpla kartformato sen statuta surpreso por ŝpari elspezojn.

Same la liga insigno trovis interkonsenton laŭ jena formo:

Formo ronda, sur blanka fundo meze verda stelo, rande ĉirkaŭita per ora surskribo « Internacia Polica Ligo » sur nigra fundo. La prezo po unu estas 1 R.M.

La dissendadon de la Liga revuo de nun plenumas UEA. Ĉi tiu nterkonsente disponigis al nia ligo monate unu kolonon de sia revuo por informado.

Helpu nepre eluzi ĉi tiun favoron per via kunlaboro, sendu taŭgan materialon al nia liga redaktoro A. Pohle, Dresden, Johann-Meyer-Strato 6 b IV, por prilabori kaj finpretigi ĝin.

A POHLE, *Redaktoro.*

##  TURISMO 

### E. T. K.

La intensa propagando kaj instruado de Esperanto en la Nordaj Landoj, komencita per la kursoj de Pastro Andreo Ĉe, sekvigis tute nature la demandon « Kion fari por konservi la varbitojn, kaj ĉefe kiel pruvi ke la lingvo servas ». Bedaŭrinde el la miloj da personoj kiuj tiel lernis la lingvon, nek UEA nek la naciaj societoj profitis. Ambaŭ konservis pli malpli la saman nombron da anoj. Por respondi al la bezono supre montrita, fondiĝis en Svedlando kaj en Estonio Komisiono por akceli turismon. (Esperanta Turista Komisiono). Pri celo kaj laboro ni raportos en venonta numero de Esperanto. La adresoj estas:
Esperanto Turista Komisiono, Heleneborgsg. 6, Stockholm.
Esperanta Turista Komisiono, Postkast 6, Tallin-Reval.

### Wiesbaden.

Inter ĉiuj banlokoj germanaj, ja eĉ eŭropaj, Wiesbaden estas la plej ofte citata pro la efiko de la fontoj kaj de la kuracado kiel ankaŭ pro la modernaj aranĝoj. Jam de jaroj la Urba Trafika Oficejo eldonas reklamilojn en Esperanto kaj montras grandan intereson al la praktika servado de la Delegitoj de UEA. Aperis belege presita gvidlibreto « Wiesbaden apud Rejno » ilustrita laŭ kupropresado. Pere de Turisma Servo de UEA ĝi estis dissendita al la Delegitoj de UEA dum Aŭgusto. Interesuloj povas ricevi senpage specimenon skribante al: Städtisches Verkehrsamt, Wiesbaden, German.

### Liechtenstein.

Kvarpaĝa prospekto ilustrita, eldonita de la Turisma Unuiĝo kaj sub aŭspicioj de la Turisma servo de UEA. Dissendita al ĉiuj legantoj de « Esperanto », Juli-Aŭgusta numero.

### Budapest.

La « Reĝino de Danubo » vidas ĉiujare en siaj muroj milojn da fremduloj allogitaj per la malofte trovebla kuniĝo de moderna urbo kaj banloko. Nova faldprospekto, eldonita sub la aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA kaj dissendita al la Delegitoj dum Aŭgusto informas pri ĉio sciinda. Laŭdinda estas la aldono de detaloj pri hoteloj kaj informo pri Esperanto kaj UEA. Menciinda la granda eldono 20.000 ekzempleroj. Gratulon kaj dankon al la Ĉefurba Fremdul-Oficejo daŭre uzanta nian lingvon kaj aliĝante kiel entrepreno al UEA.

### La bela Silezio.

Kvarpaĝa gvidfolio ilustrita, eldonita de la Schlesischer Verkehrsverband sub aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA. Kiel aldono al la Jarlibro 1930. La tradukon prizorgis S-ro Plehn en Breslau.

### Apeldoorn.

Faldfolio laŭ modelo de la serio de UEA, sespaĝa, eldonita de la Loka Turisma Societo sub aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA. Inter utilaj adresoj estas citata tiu de la loka Delegito de UEA.

### Estonio.

Bela broŝuro pri tiu lando ĉe Balta Maro, eldonita de la Ministerio por Eksteraj Aferoj. Tradukon prizorgis la Esperanta Turista Komisiono. La libreton oni povas ricevi skribante al la E.V. Välisministerium, Informatsiooni osakond, Tallin. (Recenzo aperos pli poste en la kutima rubriko).

### Stockholm.

Gvidlibreto 15 paĝa ilustrita, eldonita de la Turista Komisiono. Oni petu ĝin rekte, ĉar Turisma Servo de UEA ricevis nur unu ekzempleron.

### Tallinn.

Gvidlibro 16 paĝa pri la ĉefurbo de Estonio. Eldonita de la Turista Komisiono, kiu sendas specimenon laŭ peto. Adreso: Postkast 6, Tallinn. Aldonita estas adreso de UEA Delegitoj.

### Upsala.

Gvidlibreto 16 paĝa pri tiu malnova loko en Svedlando. Eldonita de la Esperanto Turista Komisiono Upsala, de kiu oni petu specimenon. Indikoj pri Delegitoj de UEA kaj adresoj de firmoj kie Esperanto estas parolata.

### Svisa Alpa Poŝtaro.

Eldonis kvarpaĝan prospekton pri regularo kaj prezoj, 1930.

---

## *En kelkaj linioj...*

*** S-ro Robert Kreuz, Konstanta Sekretario de la Kongresoj, ĝisnuna Ĝen. Sekretario d l'ICK, estis elektita Direktoro de l'Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

*** Dum la Budapesta Foiro estis elmetitaj esperantaĵoj: Stando de HES kaj en la Radio-palaco murparto de IRA. Ĉe du aŭ tri firmoj estis elskriboj en Esperanto. Ĉe la ĉefenirejo la unuan fojon flirtis oficiale elmetitaj du flagoj esperantaj. En la poŝtejo deĵoris suboficiro, insigno esp. La foiro vizitis esperantistoj el Nordameriko, Japanujo, Aŭstria, Ĉeĥoslovakio, Italujo kaj el multaj provincaj lokoj. Enskribiĝis, kiel interesiĝantoj, pli ol 200 personoj. Oni disdonis 5.000 propagandfoliojn. Ĉiuj esperanto-presaĵoj de la foiro elĉerpiĝis. — P. B.

*** *Internacia Kongreso de estintaj komerclernejanoj kaj Instruistoj* estos en septembro en Budapest. Oni fondos mondligon de komerclernintoj! Instigu tieajn similajn ligojn, ke ili proponu la uzon de Esperanto apud la naciaj lingvoj tiel dum la kongreso, kiel en la mondligo! Komercaj profesoroj povas sendi tiajn proponojn ankaŭ! Partopreni povas ĉiuj iamaj superaj komerclernintoj kaj instruistoj, profesoroj. Oni instigu ilin, ke ili lernu Esperanton ĝis septembro, budapestaj sdoj. volonte estos je ilia dispono! Alvenontoj sciigu frue la delegiton de Budapest: P. Balkányi, VI., Hajós-u. 15.

*** Internacia Supera Loĝio de l' Bontemplana Ordeno (IOGT) invitis al kunveno okazinta en Stockholm per cirkulero en Esperanto. Ĝi ankaŭ starigis kurson por bontemplanoj laŭ metodo Ĉe, gvidata de S-ro Seppik.

*** Laŭ informo de la Direktoro de ICK, S-ro Enrique Legrand, konsilanto de ICK en Sudameriko demetis tiun funkcion. Ĝin akceptis malnova samideano S-ro Enrique Munoz, Agraciada 2704, Montevideo.

*** Internacia Esperanto Muzeo konigas sian novan adreson: Neue Burg, Heldenplatz, Wien I.

*
**

La kvara internacia kongreso por seksa reformo okazos en Vieno je la 13a ĝis 20a de Septembro 1930. Kongreslingvoj estas la angla, franca, germana kaj Esperanto. Pri ĉiuj informoj skribu al la Kongresa Oficejo: Sexualreform-Kongress, Wien I.15. — Postfach 63.

# Detruo de marbirdoj.

Per la oleobrulaj ŝipoj venis terura minaco por la birdoj. La ŝipoj malŝarĝas en la maron sian uzitan oleon, dikan gudrecan substancon. Ĝi rifuzas subiri, kaj kolektiĝas sur la suprajo de la akvo en grandaj masoj, kiuj flotas tien-reen, portante morton kaj detruon al fiŝa kaj birda vivo. Kiam unufoje la birdoj kontaktiĝis kun tiu substanco, ilia sorto estas decidita. Ĝi algluiĝas al ilia plumaro, tiel ke ili povas nek naĝi, nek flugi, nek havigi al si nutraĵon, kaj ili disbatiĝas de la ondoj ĝis la morto finas ilian torturon.

En 1926 la ĉefaj marpotencoj okazigis Konferencon en Washington pri la temo de la Olea malpurigo de la maro kaj oni redaktis konvencion kiu pledis por leĝfarado, malpermesanta la eligon de eluzita oleo en regiono malpli ol 50 mejlojn malproksima de iu ajn marbordo. Tiu konvencio tamen ne estis subskribita.

La Reĝa Societo por la Protekto de Birdoj en Londono opinias, ke la plej kontentiga solvo de la problemo estas la instalo de oleapartigilo sur ĉiu olebruliga ŝipo, kaj multaj britaj ŝipkompanioj jam faris tiun paŝon. Tiuj maŝinoj apartigas la oleon de la bilĝo, pretigante la oleon por refoja uzo, tiel ke nur la nemalutila bilĝo pumpiĝas en la maron. Nun, kiam la Konferenco en Washington malsukcesis, la bezono por instalo de oleapartigiloj fariĝas ĉiutage pli urĝa. Kun la celo direkti publikan opinion al tiu grava demando, la Reĝa Societo por la Protekto de Birdoj preparis glumarkojn (malgrandajn gumitajn bildetikedojn) kun la vortoj : « Insiste petu, ke la ŝipposedantoj instalu olean apartigilon, por savi la marbirdojn » en lingvoj angla, franca, germana, itala, hispana, kaj Esperanta.




La supra bildo montras tiun glumarkon, kiu originale estas en koloroj. Interesuloj povas ricevi tiajn skribante al The Royal Society for the protection of Birds 82 Victoria Street, London S.W. 1.

---

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj

Al Ge-sroj Bibisch, Bakov nad Jizerou (Ĉeĥoslovakio) naskiĝis filino Marinjo.

*** Al Ge-sroj D-ro Louis Poncet, Komitatano de UEA, Bourg (Ain, Francujo), filino Denise.

*** Al Ge-sroj Viktor Badin, Delegito de UEA en Nové Zamky, Ĉeĥoslovakio, filo Rolando.

### Fianĉiĝoj

S-ro Arthur Schnabel, Görlitz (Silezio) (29317) kun F-ino Stübekke, en Junio 1930.

*** S-ro Norbert Steinberg, VD de UEA en Stryj, kun F-ino Matylda Sperber el Czortków, Polujo.

*** F-ino Johanna Kirŝ kun S-ro Alfred Rudolf Jagomägi en Kungla, Estonio.

*** S-ro Willy Weilepp, MA 20433 en Halle kun F-ino Maria Dzubiella en Karlsfeld apud Brehna, German., 22 Junio 1930.

### Edziĝoj

S-ro Fritz Rockmann, Honora membro de UEA kaj germana peranto kun S-ino Martha nask. Süsskoth, en Magdeburg. Julio 1930.

*** S-ro C. M. Cather, DM de UEA 226 kun F-ino Katharine B. Shrewsbury e n Port Said, 26 Aŭgusto 1930.

*** S-ro Efraim Lipkes, UEA-ano en Bialystok kun F-ino Frania Bergsztejn el Szczuczyn, Polujo.

*** S-ro Ivan P. Ĝarov, MA de UEA 16712 kun F-ino Mario G. Estova en Plovdiv, 13 Julio 1930.

*** S-ro Cesar Vanbiervliet, Delegito de UEA en Kortrijk, Belgujo, kun F-ino Margaretha Rijsman, 16 Aŭgusto. 1930.

---

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Joaquim Duarte, MA 34466, Lisbono, Portugal, 35 jara, 18an de Majo 1930.

S-ro Johano Gabor (Gábor Janos), Delegito de UEA en Mercurea-Ĉiuĉ (Csikszereda), 52 jara, 29an de Majo 1930.

S-ro Vaclav Jaroŝ, dum kelkaj jaroj, Delegito de UEA, 12 Majo 1930, en Mistek, Ĉeĥoslovakio.

S-ro De Boer, Ano de UEA 10265 en Hago, Nederlando, Julio 1930.

S-ro Robert Gilmoux, MA de UEA 13462, Glasgow, Skotlando.

S-ro John W. Bishop, MA 18615, en Upper Montclair, N.J., Usono, 11 Marto 1930.

S-ro J. S. Verburg, Ano de UEA 35122, en Rotterdam, Junio 1930 (laŭ poŝta informo sur gazeto reveninta).

S-ro Lodewijk van Mierop, 54 jara, en Bussum, Nederlando, 13an de Junio post longa malsano. Fondinto de la movado por ĉasta vivo kaj sincera fervora defendanto de pacigaj kaj etikaj movadoj, dediĉinte havon kaj vivon al interfratiga ideo. Tre favoris Esperanton kaj lernis ĝin.

S-ro Carlos Andrade, Kapitano, membro de la Lisbona Societo esperantista, elpensinto de bicikla aparato por topografiaj desegnaĵoj, 25 Julio 1930.

S-ro Robert Bahnert, VD de UEA en Hainfeld, Aŭstrio, 23 Junio 1930, post mallonga malsano.

S-ro A. Darjuŝ Nemseĉi, D kaj Komitatano de UEA en Tabriz, Persujo, ĉagrene informis pri morto de sia patro, S-ro M. Mirza Nemseĉi, 7an de Julio 1930.

Nia ŝatata membro en Santander, S-ro José Pedraz, priploras la morton de amata patro, S-ro Pedro Pedraz Garcia, 11.VII.30.

*Sinceran kunsenton !*

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*llessandria* (Italujo). — S-ro Daglio Clemente, via Savonarola 13 p. 2., atentigas siajn korespondantojn pri sia nova adreso.

*msterdam* (Nederlando). — S-ro E. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelaĵojn).

*ntverpeno* (Belg.). — S-ro Jules De Graeve, Cobdenstraat 29, fraŭlo 17 jara, kun samaĝaj gesamideanoj, PI., L., PK., PM.

*akov nad Jizerou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Fr. Vesely N° 388. PI., k.ĉ.l. Nepre respondos!

*arcelona* (Hispan.). — S-ro Santiago Moro Hingal, P-je Massaguer 12-3-0-2a, PM., k.ĉ.l., nepre respondos.

*endigo* (Vic. Aŭstralio). — F-ino E. M. Hynd, 108 Garsed Street, L., PK. pri kolomboj kun ĉiu interesato.

*ensen a. Pl.* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Franz Krombholz, kompostisto, Mühlgasse 171, PK., L.

*erlin N.W.* 87. — S-ro Kurt Minge, Berlichingenstrasse 12, PI., bfl., PM., kun fidindaj kolektantoj en ĉ. l.

*reclav* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Václav Ryŝka, Ruffnerův cukrovar, PKI., L., k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*udapest VII.* — S-ro Ernö Föld, Rottenbiller-u. 3. III. 19 kun ĵurnalistoj el ĉ.l.

*uenos Aires* (Argentino). — S-ro Ricardo Marti, Str. Brazil 1309, PM., k.ĉ.l. prefere rekomendite por certigi alvenon de sendaĵoj. Ĉiam respondas.

*uenos Aires* (Argentino). — S-ro Rodolfo G. Bosch, str. Estados Unidos N. 2540; P.I., k.ĉ.l. krom Europo.

*hicago, Ill.* (Usono). — Esperanto Scripture Club, 58 W. Washington st., R. 514. Ni deziras adresojn de personoj ne parolantaj Angle, kiuj volas korespondi Esperante kun Amerikaj Esperantistoj. Ni preferas Rotarianojn. Ankaŭ de knaboj, prefere Skoltoj.

*hinkiang* (Ĉin.). — S-ro Naŭu Ĉanĝia Fu, 69 Yawyiwan, okaze de vojaĝo al Japanujo pro studo, ne povos respondi al ĉiuj, kiuj skribis al li pro lia anonceto kaj kies leteroj aŭ sendaĵoj atingis lian adreson post 20a aprilo. Samtempe pro la sama kaŭzo li ne povos plenumi la taskon de UEA delegito. Li do petas je granda pardono.

*omo* (Ital.). — S-ro Osvaldo Pagani, via Plinio 14, PK., L. kun fraŭlinoj ĉ.l.

*omo* (Ital.). — Esperantista Grupo, Via Vittorio Emanuele 28, L., PK.

*ortmund* (German.). — S-ro Heinrich Dresselhaus, Hüttemannstr. 28-I, PI., bfl., kun tipaj vidaĵoj por geografia kaj propaganda celo. Nepre resp.

*resden* 21 (Germanujo). — S-ro G. Herm. Byhahn, UEA ano, Marienbergstr. 56, II., PI., Fot-aĵoj vidindaĵoj k.ĉ.l. Nepre respondos.

*jösanger* (Norveg.). — S-ro Ludwig Anjer, Poŝtkesto 96, L., PI., k.ĉ.l.

*orianopolis* (Brazilo). —S-ro Egon Schaden, Gymnasio Catharinense, L., PK., pri E movado, lingva perfektiĝo, grafologio k.ĉ.l.

*raz* (Aŭstrio). — S-ro Alfr. E. Lattinger, Leonhardstr. 3, instruisto kaj migroinstruisto por abelbredo, L., PI., fotoj pri ĉiuj temoj kun samideanoj kaj samideaninoj en la tropikaj landoj (Ĉinujo, Japanujo, Aŭstralio, Afriko).

*angchow* (Ĉin.). — S-ro Hwang Chao Shing, studento, University College of Art and Science. PI., PM., fotojn.

*Honolulu* (Havajo). — S-ro Herbert L. Thompson, D de UEA, informas siajn korespondantojn ke pro foresto dum Septembro ĝis fino de Decembro respondoj al eventualaj korespondaĵoj prokrastiĝos.

*Jasenná 77. apud Vizovice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jaromír Lachman, juristo PI., fotoj, k.ĉ.l.

*Kolín* (Ĉeĥoslov.). — S-o Ferdinand Bendl, Kourimská 9, direktoro de advokata oficejo interŝanĝas insignojn speciale de futbalaj (piedpilkaj) kluboj. Sendas por ili insignojn aŭ PM. laŭ deziro.

*Lesiĉeri* (Bulgar., Tirnova). — S-ro Petr Elofterov, instruisto, L., PI., k.ĉ.l.

*Koŝice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Friedrich, Jarná 13, PI., L. por kursanoj-gimnazianoj.

*Lisboa* (Portug.). — S-ro Antonio Menezes de Jesus, Av. da Liberdade 11, 3° D. Korespondas kun ĉiumondaj esperantistoj precipe pri filozofiaj, religiaj, artaj temoj.

*Lodz* (Polujo). — S-ro Pazmanik, Novomiejska 26, PI.,

*Marburg, Hessen* (German.). — S-ro Heinrich Weiershäuser, D de UEA 26a jara, PI. montrante vidindaĵojn naciajn kostumojn k.ĉ.l. Certe respondos. poŝtmarko bfl.

*Miksiat* (Polujo). — S-ro Stefan Bieganski, L., PK., pri religiaj temoj PM., k.ĉ.l.

*Milano* 117. (Italio). — S-ro Josefo Ventura, borsagento, Via A. Saffi 20, PI., L., k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Nagyharsány* (Hungar.). — S-ro D-ro Josef Sándor, kuracisto, PM., PK., L., k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Narva* (Estonio). — F-ino Alma & F-ino Ida Kale, Kreenholm Kulgu 4o-2 L., PI., k.ĉ.l.

*Narva* (Estonio). — F-no Alide Pürjemaa, Kreenholm Kulgu 40-2, L., PI., k.ĉ.l.

*Narva* (Estonio). — F-ino Emilie Grauberg, Metsa t.4., L., PI., k.ĉ.l.

*Pitesti* (Ruman.). S-ro Chiril Alexiev, str. Sft. Vineri 89, PI.

*Plauen i.V.* (German.). — S-ro W. Gese, Haselbr. str. 21, L., PI., gaz., Esp-aĵoj, aktfotoj, afiŝoj, brodaĵoj, k.ĉ.l. ankaŭ kun komencantoj. Ĉiam respondos.

*Olomouc VII* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jaroslav Bogdálek, Hodolanská 19. PKI., Gaz., k.ĉ.l. Tuj kaj certe respondas.

*Mieken* (Japanujo). — S-ro Hazimu Kitagava, pedagogo, PK. pri pedagogio.

*Orléans-Les Aydes* (Franc.). — S-ro Inĝ. P. Roche, 59 rue Barrière St. Marc, deziras interrilati kun send-kaj ricevamatoroj ĉiulandaj kaj interŝanĝi radiorevuojn.

*Praha-Dejvice* (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Zdena Syĉková, Studentská 541, PI, L., k.ĉ.l., kun seriozaj inteligentuloj.

*Praha-Straŝnice* 94 (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Karel Straka, PI., L., prefere kun ne-eŭrop. ĉefurbanoj., PM., en registritaj leteroj (bazo Yvert), esp. gazetoj. Nur kun seriozuloj.

*Rishton* (Angl., Lanc.). — F-ino Bailey, 6 Cliffe Street, serĉas korespondantojn por la loka grupo k.ĉ.l.

*Roma* (Ital.). — S-ro Renato Boy, Via Buonarotti 51, PM.,

*Rotterdam* (Nederlando). — S-ro J. C. Broers, Mathenesserweg 186 a, PM., precipe eŭropajn. Tuj respondos.

*Ruse* (Bulgar.). — S-ro Dimitr Ivanov, 28 Prista, por poŝtoficistoj esp. por kuraĝigi al fina studado de Esperanto.

*Salonta* (Ruman.). — S-ro Johano Havran, str. Vânâtorilor 52, deziras korespondadi k.ĉ.l. pri turismo, etnografio per PI., kaj fotografaĵoj. Nepre respondas.

*Slovenice* p. Ŝtepánovice u Trebone (Ĉeĥoslov.). — S-ro T. Pumpr, universitatano, serĉas seriozan kaj daŭran korespondadon per L., PI., pri lando, popolo, kulturo. Nur kun Skandinavio, Hispanujo, Suda Ameriko, Japanujo. Ĉiam certe respondos.

*Sofia* (Bulgario). — S-ro Dimitr Tomov, advokato, str. « Pirotska » 44, korespondas per PI., L. nur kun fraŭlinoj.

*Szombathely* (Hungario). — S-ro Johano Jarisch Uzletvezetöség, fervojoficisto, orkestrestro, P.I., specialaĵojn naciajn, precipe el Italujo, Hispanio, Finnlando, Turkio, Afriko, Aŭstralio, Ĥinujo, Indio.

*Szombathely* (Hungario). — D-ro Halmágyi Géza, Király u. 35, interŝanĝus precizan karton geografian landan aŭ interesan regionan de ia lando.

*Tatar Pazarĝik* (Bulgar.). — S-ro Haim Mezan, komercisto, PI., L., k.ĉ.l. en Esperanto, france kaj hebree.

*Tempeh O. L.* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., Esp, aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Timisoara* (Ruman.). — S-ro Ŝtefano Recsányi, str. E. Gojdu 10, deziras korespondadi k.ĉ.l. kun amator-magistoj, iluziistoj, ĵonglistoj, sorĉistoj.

*Utrecht* (Nederlando). — S-ro Adri de Beus, Springweg 65*bis*, PI., bfl., k.ĉ.l. seriozan kaj daŭran korespondadon. Certe respondos.

*Utrecht* (Nederlando). — F-ino A. Maalstee, Sterrenhof 6*b*, deziras PK., IL. nur kun katolikaj preĝejoj (ekstere kaj interne), sed *ne*skribitajn kaj *en koverto* kiel presaĵojn; sendas belajn IL., PK. laŭ ĉies prefero.

*Varna* (Bulgar.). — S-ro M. D. Nikolov, deziras ekkoni la infanan literaturon de ĉiuj landoj per ilustritaj infanrevuoj, por 8-10 jaraj geknaboj. Mi petas samideanojn de ĉiuj landoj sendu al mi 1-2 ekz. de tiaj revuoj eĉ pasintjarajn. Mi rekompencos laŭdezire.

*Viljandi* (Estonio). — S-ro Ernst Anniko, Pikk 16, PI., L.

*Waterschei* 523 (Belgujo). — F-ino Maria Adamkova, instruistino, L., PK. k.ĉ.l. por gelernantoj 14 jaraj.

*Weissenberg, Amts. Löbau* (Germ. Sachsen). — S-ro Walter Lukas, Kirchgasse 120 a, serĉas novajn gekorespondantojn. PI., bfl., PK., L., k.ĉ.l. Ĉiam kaj certe resp.

*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Elias Sánchez, Agustin 2 y 4, PM., PI.



**P. T. T. istoj**

**Poŝtistoj, Telegrafoficistoj, anoj de UEA. Partoprenu la fakan movadon kaj aliĝu al la Faka Societo a la Internacia Ligo de Esp. Poŝt kaj Telegrafoficistaro (ILEPTO). Adreso : R. J. Fililatre, 28, rue de l'Agent Dufraine, St, Cyr l'Ecole (France).**

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Adresŝanĝo.* — Bonvolu noti mian novan adreson: Fritz Rockmann, peranto de UEA, Alter Markt 16-III, Magdeburg, Germanujo.

*Bankprospekto en Esperanto.* — La Hungara Ĝenerala Kreditbanko, Budapest, 507 (UEA Entrep.) eldonas jam la duan fojon prospekteton en Esperanto. Bonvolu ĝin peti, por montri interesiĝon (sed NE per ilustrita PK.!)

*Baselli.* — Dinko, urba sekretario, Delegito de UEA en Metković, Dalm., Jugoslavio, petas samideanaron de ĉiuj landoj, precipe Delegitojn de UEA en Italio, por adresoj de familioj aŭ soluloj Baselli, por kompletigi genealogian nomaron (familia historio).

*Ekspozicio.* — F-ino Sophie Cipera, Linz a.D., Schubertstr. 42, Aŭstrio, kolektas por aranĝota E. ekspozicio 1931 senpagajn specimenojn de Esp. gazetoj, gvidiloj kaj reklamiloj de la tuta mondo. Koran dankon antaŭe al ĉiuj.

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn, aerajn, bonfarajn), PK, maŝinŝtampaĵojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Filatelistoj.* — Rumaniajn PM. 1915-1930 mi sendas, por PM., 25-30 pecojn de via lando. Petas afranki registrotan leteron per malgrandvaloraj PM. O. Hauker, pensiulo, Gheorghe Lazar 17, Cernauti, Rumanio.

*Gajnu monon per raportado.* — Traduku en Esperanto el negermanaj gazetoj raportojn pri strangaj okazintaĵoj, gravaj procesoj, popolkutimoj aŭ allogajn skizojn k.t.p. Por taŭgaj gazetmanuskriptoj mi pagos honorarion. F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg, Sa. Germanujo.

*Helpo.* — Malavaraj samideanoj pretaj helpi malriĉan junulon por ke li povu studi pentrarton estas petataj skribi sub N-ro 6153 al la redakcio de *Esperanto*, 1, Tour de l'Ile, Genève, Svis.

*Internacia E. Servo.* — Mankantaj numeroj de « Internacia Esp. Servo » Jaro 3 (N-ro 5-7), Jaro 4 (N-ro 1-6) serĉataj kaj danke akceptataj de la Nov-Jorka Publika Librejo. Adreso: The New York Public Library, 5th Ave., 42 Str. New York City. (Rekomendita de la redakcio.)

*Reprezentado.* — Nederlandano deziras reprezenti eksterlandan fabrikon aŭ unuiĝon. Skribu al A. Wolterbeek, Delegito de UEA, N. Ginnekenstraat 33, Breda, Nederlando. — Samideanoj bonvolu konigi tiun anoncon al fabrikistoj.

*Revuo.* — Mi vendas la plenan kolekton de « La Revuo » eldonita de S-ro Carlo Bourlet en la jaroj de 1906 ĝis 1913, Parizo, kun la konstanta kunlaborado de nia kara majstro L. L. Zamenhof. La tutan kolekton, sendita poŝte rekomendite al la adreso de la aĉetonto, mi sendos por la sumo de cent svisaj frankoj. Mia adreso estas: *Luis E. Sepulveda Cuadra, Calle del Carmen* 1288, *Santiago de Chile.*

*Ses jarkolektoj* de « Esperanto » (UEA) estas vendataj: 1924, 1926, 1927, 1928 sen tabelo de enhavo, 1929, 1925 mankantaj n-oj 298-301 de monatoj junio-septembro. Grava por bibliotekoj. Prezo: 4 fr. sv. por plena jarkolekto, 2 fr. sv. por 1925, plus 20 % por poŝtsendo. Adreso: Aleksander Juchniewicz, Krzywa 25, Wilno (Polujo).

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE